# INTERNACIA FERVOJISTO




40a jaro N-ro 1 1988



Grupo de ĉinaj kolegoj ĉe la pordo de la kunsidejo.

## REDAKTORA BABILO

La unua jarcento de Esperanto estis prepara, analiza. Ni devis provi, ĉu la flugiloj estas sufiĉe fortaj por povi porti.

Montriĝis, ke tiaj ili estas. Almenaŭ por singardaj flugoj ĉirkaŭ la nesto.

La esperanta flugilrado havas nur 79 jarojn, sed ĉu vi ne samopinias, ke ankaŭ ĝi estas sufiĉe forta?

Ni do povas kune kun la aliaj esperantanoj eniri la **ofensivan** periodon de la Internacia Lingvo.

Nia ofensivo celu la **fakan** flankon de la agado.

La terminara laboro nun atingis la finfinan fazon, kaj ĉiu el ni devas prepari nin por plej efike, plej rezultodone, plej vaste utiligi tiun eminentan armilon.

Legu en la jena numero de IF pri nia 40a, pri fervojfakaj aferoj kaj pri plej diversspeca agado, precipe de fervojistoj, sed ankaŭ pri la teruraj batoj, kiujn preparis al ni la viro kun la falĉilo. La falintoj meritas ekstran laborporcion fare de ni aliaj.

Agu!

Red

## FERVOJFAKAJ ELDONAĴOJ

Kompletigota listo
kaj informoj pri havigebleco.

Eksterordinaraj Transportoj. Planado helpe de komputero.
Fakprelego de la 37a IFEF-kongreso, verkis G. Thuesen, 9paĝa kajero A4.
Mendu ĉe la IFEF-kasisto.

Unuecaj reguloj por la kontrakto pri la internacia fervoja transporto de pasaĝeroj kaj pakaĵoj (CIV).
44paĝa broŝuro A5. Prezo: 3,- DEM.
Mendu ĉe Karl Bernhard, Sauerbruchstr 8 D-6700 Ludwigshafen/Rhein.

Kelkaj Pensoj pri la stato de la fervojo kaj de Esperanto kiel fervoja faklingvo.
Prelego de la 35a IFEF-kongreso, verkis Per Engen, 20paĝa kajero A5.
Mendu ĉe la IFEF-kasisto.

La Verda Relo.
66paĝa kajero A5. Prezo 10,- DEM.
Mendu ĉe Elfriede Kruse, Wiener Strasse 121, D-6000 Frankfurt/M 70.

IFEF-Historio 1909-1984.
80paĝa kajero A5. Prezo 6,- DEM.
Mendu ĉe Joachim Giessner, An der Nicolaischule 3, D-3420 Herzberg am Harz.

- - -

Certe ekzistas aliaj. Bv informi al la IFEF-kasisto, s-ro Henning Hauge, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev (deĵore: Tktl H Hauge, kmp, AALBORG/DSB).


## INTERNACIA FERVOJISTO

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio

**Redakcio:** E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.

## INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

**Sekretario:** Otto Rösemann, Ringstrasse 14 D, D-3067 Lindhorst.
**Dana poŝtĉekkonto:** 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.
**Dana bankkonto:** 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).
**Svisa bankkonto:** 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH 8590 Romanshorn.
**Svisa poŝtĉekkonto:** CH 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.




# 40A IFEF-KONGRESO

## PERPIGNAN - FRANCIO

## 4.-11.JUNIO 1988

**Adreso: 40a IFEF-kongreso**
**AFCE 1bis, Rue d'Athenes**
**F-75009 PARIS**
**Poŝta konto: 52 14 35 H PARIS**

LKK esperas ke, se vi ankoraŭ ne aliĝis, vi serioze pripensos la aferon kaj sendos senprokraste vian aliĝilon.
Gis 31/1 1988 validas la malalta kotizo. La 1an de februaro la kongreskotizo altiĝos:

| | ĝis 31/1 | ekde 1/2 |
|---|---|---|
| IFEF-membro (ankaŭ emerito) | 150 | 220 FF |
| Familiano/gejunuloj | 100 | 150 FF |
| Ne IFEF-membro | 185 | 255 FF |

Aliĝante kiel eble plej baldaŭ, vi ĝuos la malaltan kongreskotizon kaj plifaciligos al LKK la laboron. Kiu pli frue aliĝas, tiu havos la ŝancon loĝi en hotelo favore situanta, laŭ la petita kategorio.

**Kiel vojaĝi al Perpignan ?**

**Per aviadilo** - Flughaveno de Perpignan-Rivesaltes (je 5 km de la urbocentro kaj de la kongresejo. Taga trafiko kun Parizo (1h10), Montpellier (50mn), Lyon (1h45), Toulouse (50 mn), Londono (1h30), Lille (1h).

**Per trajno** - Stacidomo de Perpignan, kiu estas - laŭ DALI - "Centro de l'Mondo".
Rektaj rilatoj kun Parizo (10h). Pli rapidaj rilatoj per TGV (sen ŝanĝo en Montpellier). Rektaj rilatoj kun Lyon, Barcelona, Geneve, Frankfurt, Roma, Strassbourg ... En venonta IF aperos kelkaj horaroj, validaj en junio 1988.

**Per aŭto** - Aŭtoŝoseo A 9 nomita "La Catalane". Parizo (900 km), Barcelona (220 km), Lyon (450 km), Marseille (350 km), Toulouse (200 km)..

**Kien ni ekskursos ?**
**Dimanĉe** ni vizitos nian kongresurbon, i.a. "Le Castillet" (Casa Païral), la Palacon de la Reĝoj de Majorko, la Fondaĵon Sant Vicens.

**"LE CASTILLET".** Je la kuniĝo de la nova kaj malnova urboj, tiu ĉarma kastelo el brikoj - kiu estis unue urba pordo, poste malliberejo - estis konstruita je la fino de la 14a jarcento. Luizo la XIa - dum la franca okupado - aldonis al ĝi la nunan pordon "Nia Sinjorino". Ĝiaj longformaj embrazuroj, la rozkolora kupolo de ĝia sonoriltureto donas al ĝi aspekton preskaŭ orientan kaj originalan en la militista arkitekturo franca. De nelonge ĝi estas la sidejo de tre interesa "Muzeo pri Artoj kaj Popularaj Tradicioj de Rusiljono", nomita "Casa Païral". De ĝia teraso, la vidaĵo estas tre bela super la urbo, la ebenaĵo de la regiono, la maro, la masivo CORBIERES kaj la najbaraj Pireneoj, el kie siluetiĝas la impona maso de Canigou: 2784 m.

**"LA PALACO DE LA REĜOJ DE MAJORKO"** staras centre de la citadelo (fortikaĵo de 16a jc). Gi estas la plej grava monumento en Perpinjano kaj unu el la plej rimarkindaj pruvoj de la civila kaj militista arkitekturo mezepoka de suda Francio.

Oni konstruis la Palacon por loĝigi la kortumon de Jakobo la 1a, ekde 1276. Poste la reĝoj de Aragono realigis gravajn lastajn laborojn. Nuntempe oni restaŭras ĝin. Oni vizitas la Honoran Korton, bela ensemblo da

gotikaj konstruaĵoj, kies impona fasado heliĝas per elegantaj arkadoj ogivaj. Meze de tiu fasado, la enorma masonaĵo-masivo de la ĉefturo ŝirmas du supermetitajn kapelojn:
- la malalta kapelo aŭ kapelo de la Reĝino,
- la alta kapelo nomita kapelo de Sankta Kruco aŭ Reĝa kapelo.

Belega pordego el rozkolora marmoro kun skulptitaj kapiteloj (ĉ 1300). Gia ununura navo kun altaj fenestroj ogivaj konservas kuriozajn restaĵojn de malnovaj pentraĵoj. Aliaflanke de la korto, kontraŭ la kapeloj, siluetiĝas la gotikaj arkadoj de la reĝa loĝio. Ne malproksime de la kapelo Sankta Kruco, pordo aliras al la ĉambrego de Majorko, eksa honorĉambrego, prilumita per larĝaj fenestroj kaj iam hejtita per tri monumentaj kamenoj freŝdate malobstrukcitaj. Sude kaj norde de la ĉefturo, korto de la Reĝino kaj korto de la Reĝo. La unua konservis siajn taŭgaranĝojn eksterajn: ŝtuparoj, fenestroj, arkadoj, plafono de la galerio ...

**"LA FONDAJO SANT VICENS"** estas ekskampodomo transformita en sidejon pri Nuntempaj Artoj. Ci tie, en unika kadro, oni admiras verkojn de famaj ceramikistoj, skulptistoj, tapetistoj ...

**Lunde.** Ni veturos al **Port-Vendres**, ĉefa fiŝ-kaj-komerchaveno de la orarĝenta marbordo. La kornica vojo trairas vitejon, kiu produktas dolĉan naturan vinon: **Banyuls.** Post vizito al kelo, ni gustumos tiun famaĵon. Poste ni haltos en **Collioure**, eks-rezidejo somera de la Reĝoj de Majorko, kies kastelo superstaras beletan golfeton. Tie speguliĝas la sonoriltureto de preĝejo tre ofte pentrita de nombraj artistoj, i.a. Matisse, Dufy, Picasso.

**Merkrede.** La tuttaga ekskurso kondukos nin en Estagel, patrolando de Arago. Poste, en **Tautavel**, tie troviĝas la prahistoria groto, kie vivis la "Homo de Tautavel", antaŭ pli ol 450.000 jaroj. Post vizito al la Muzeo, al ĝiaj prifosaĵaj objektoj, ni trapasos **Corbieres** kaj tagmanĝos en kastelo, mezepoka loĝejo de Langvedoko, meze de fama vitejo. Posttagmeze ni vizitos la **abatejon de Fontfroide**, ĉefverko de romania arkitekturo: la preĝejo, la klostro kaj la monaĥejaj konstruaĵoj estis, kun perfekta arto, renovigitaj komence de ĉi jaro.

**Vendrede.** La lasta ekskurso celos la regionon CONFLENT: laŭlonge de la valo de la rivero TET, la akvo-baraĵo de Vinca kaj Prades, ĉefurbo de Conflent, ni atingos la **abatejon Sankta Michel de Cuxa**, fondita je la 10a jc. Dum 3 jarcentoj oni konstruis la preĝejon. Pro tio vidiĝas stildiverseco: visigota, mozaraba, rusiljona kaj lombardia. Kvaretaĝa sonorilturo superstaras la tutaĵon. Tie okazas ĉiusomere Festivalo pri klasika muziko, kreita de Pablo Casals en 1950. Post la vizito al Sankta Michel de Cuxa ni eniros la fortikan civiton de **Villeuve de Conflent**, konstruitan en la 11a jc de la grafo de Cerdagne, kun remparoj, preĝejo, tribunalo, militista juĝejo. Al tio, pli malfrue, oni aldonis turojn kaj bastionojn.

Ĉiuj ekskursoj lasos al vi bonegan memoraĵon en la spirito kaj admirindajn bildojn surpapere aŭ ekrane.

* * *

**LASTAJ INFORMOJ**

**Pri la aliĝilo.** Bonvolu plenigi kiel eble plej taŭge vian aliĝilon kaj la ĉambromendilon. Gis nun, triono de la ricevitaj aliĝiloj ne entenas la nepre necesajn informojn pri ekskursoj, manĝoj en la kongresejo, bankedo, hotelokategorio, alveno-horo. LKK ne povos pritrakti la ne klare petitan aranĝon.

**Pri la postkongreso.** Ni intencis li-

migi la nombron de partoprenantoj je 60, sed ĉar la aliĝiloj jam en niaj manoj estas pli nombraj ol antaŭvidite, ni studas la eblecon akcepti alian grupon de 60 personoj (kompreneble kun la samaj prezkondiĉoj), t.e. entute 120 personoj povos partopreni en la postkongreso en Andoro.

Aliĝu tuj, ĉar en nenia okazo la lasta nombro fiksita estos superigita.

NE FORGESU KONFIRMI vian partoprenon sendante la sumon: 700 FF antaŭ la 11/3 1988 al s-ro Robiolle. Poŝta konto: 19 02 88 G Rennes.

* * *

Je via dispono estas nun:
- la kongresa glumarko (3 folioj de 6 markoj = 10 FF)
- la filatelia poŝtkarto (kun bildo de la glumarko) 1 FF po 1 karto,
- la filatelia koverto (kun bildo duobligita de glumarko) 1 FF po 1.

(Eta preseraro enŝoviĝis en IF n-ron 6, paĝon 84. Troviĝas: la filatelian poŝtmarkon; bonvolu legi: la filatelian poŝtkarton).

LKK

## FERVOJAJ REALIGOJ EN EŬROPO

Laŭ akcelita ritmo la projektoj jam anoncitaj de SNCF (Nacia Societo de Francaj Fervojoj) fariĝis novaj realigoj en 1987:

- la 21an de majo okazis inaŭguro de nova TGV-linio (TGV = Trajno grandrapideca) de Parizo al Berno en varma etoso flanke de niaj svisaj amikoj. Tiu ĉi unua TGV-linio inter eŭropaj ĉefurboj aldonas plian branĉon al la 'arbo' TGV sudorienta, kaj samtempe ĝi eklanĉas establon de reto 'Inter City' (Interurbaj trajnoj).
- la 26an de majo: alia inaŭguro kun flagoj. Temis pri la finpretigo de la elektrizado de la fervoja linio inter la francaj urboj (en Bretonio) Rennes kaj Saint-Brieuc. Tiu linio iĝos parto de la TGV A-linio (TGV-Atlantika).

En FR Germanio:
- la 30-31/5 DB (Germana Federacia Fervojo) okazigis la enservigon de la unua linio-sekcio Manheim-Stuttgart. Tio konkretigas novan alpaŝon simbolan al la realigo de grandrapideca germana fervoja reto.

En Nederlando:
- Ankaŭ la 31an de majo okazis inaŭguro de la unua sekcio de la 'Flevolijn' transportservanta parton de teritorio konkerita ĉe la maro.

Tiuj ĝojigaj kaj etpaŝaj okazaĵoj estas manifestacioj de la relenirado en novan epokon. Ili indikas la konstruon de nova fervoja reto kun futuraj normoj, kies diversaj ĉefaj fortoj direktas sin de unuj al aliaj.

Niaj hispanaj kolegoj ne restas indiferentaj por tia fervojstato. La hispana registaro aprobis, la 30-an de aprilo, Fervojan Transport-Planon, kiu antaŭvidas plialtigon de la rapidecolimoj ĝis 200 km/hore sur la triangula vojo Madrido-Barcelono-Valencio. La laborplano koncernas la nord-okcidentan linion (de Madrido al Leono), kaj grandrapidecan linion (250 km/hore) de la baza reto de RENFE.

Cio ĉi ilustras kaj konfirmas la ideon pri fervojo pli ol neniam viva, aktiva, dinamika, zorganta adapti sin al novaj taskoj.

Resume: pri fervojo de la venonta jarmilo ...

(Laŭ la franca revuo "La Vie du Rail")

**FERVOJA KORESPONDA SERVO**
**J.Demissy, 18 rue Lieutenant Bourguignon, F-55600 MONTMEDY.**

## KATOWICE - KUNVENO PRI MOVADAJ AFEROJ

En ĉeesto de dudeko da kongresanoj reprezentantaj 10 landojn, kaj komence de IFEF-prezidanto, la 22an de majo 1987 disvolviĝis en Katowice kunveno pri movadaj aferoj, sub prezido de d-ro István Bácskai (H) kaj gvidado de d-ro Romano Bolognesi (I).

Tiu ĉi lasta reklarigis al la ĉeestantoj la verŝajne ne tro sufiĉe komprenitajn kialojn de la iniciato, nome kaj ĝenerale la neceson diskonigi la fervojajn kaj movadajn rezultojn iamaniere atingitajn de kolegoj, kaj precipe kiel eblis atingi ilin, por eventuale marŝi samdirekte. Pli detale oni diskonigu la bonrezultajn agojn faritajn por atingi la oficialigojn de Esperanto en la rilatoj inter la fervojaj administracioj, por levi ĉie en la landaj sekcioj de FISAIC la lingvan problemon, por instigi la oficialigon de Esperanto en la rilatojn inter sindikatoj, partioj kaj fervojistaj organizoj (ekz. AEC).

Li plendis ankaŭ ĉar el neniu landa asocio venis al IFEA anonco de nomo de respondeculo pri tiu ĉi afero, kiun oni devas taksi grava kaj utila, se oni bone intencas kompreni ĝin en la deziroj kaj celoj.

Multflanke venis ankaŭ plendo pro la maltroa diskonigado de la kunveno kaj pri la malfacila atingebleco de ĝia sidejo.

Kiel plej freŝa novaĵo, Bolognesi informis pri la lastatempa fondo en Italujo, far radikaloj, de Radikala Esperantista Federacio, pri kies estonteco oni havas pli bonajn esperojn.

Agado ĉe AEC-anoj resp. asocioj interesis al multaj ĉeestantoj, tiel ke, plurflanke oni decidis sugesti al siaj esperantaj landaj asocioj denove kaj persiste puŝi Esperanton en tiun medion, kie nuntempe ŝajne malabundas normalaj idealeco kaj entuziasmo.

Alia novaĵo venis far kolego Niemann (DK), kiu informis pri disdonigo de speciala propagandilo kun krucvortoj al fervojaj novdungitoj por konigi Esperanton ĉe junularo.

Ne mankis duboj pri la utileco de programero kiel "Kunveno pri movadaj aferoj". Ekz. laŭ ĉefkomitatano De Sutter (B) tre utilus disdonado de fotokopioj de la punkto "Novaĵoj - aktualaĵoj el via lando" en la jarraporto; laŭ d-ro Bácskai la taskoj de niaj aktivuloj jam abundas, pro tio eble pli larĝaj klarigoj en la vicprezidanta raporto kaj pli da intervenoj en la aliaj jam antaŭviditaj kongresprogrameroj, precipe dum la "plenkunsidoj", eble sufiĉus.

Male, laŭ kolego Stuppnig (A), kiu ĉiam intense kongresas, ĉar eventuale antaŭ aŭ post la kongreso li restas en la vizitata lando por pli ekskursi, opinias eĉ nesufiĉaj la okazoj kunveni por interŝanĝi spertojn kaj ideojn. Nia movado stagnas, ofte mankas junuloj. Se oni ne volas ke ĝi baldaŭ malaperu, nepre oni devas trovi novajn vojojn, kiel tiun proponitan de IFEA, kiun li taksas bona laŭ la intenco kaj celo.

Kolego Gimelli (I) proponas ke dum ĉi tiu programero oni profitu trakti, evt. mallonge, sed buŝe kaj dorekte, ĉion kion oni jam skribis dum la jaro por havi pli da eblecoj interkonatigi inter ni ĉiflanke, dopor pli fratiĝi, pli kunordigi niajn iniciatojn.

Kun ĉi tiu spirito ĉefkomitatano De Sutter decidis por la instigo de la landaj asocioj per la jara cirkulero kaj fotokopioj de la jarraporto, por pliviglligi la partoprenon en la forumo mem.

La sekretario de IFEA (d-ro Romano BOLOGNESI)



## ANSTATAŬIGO DE TEE-TRAJNOJ PERE DE "EUROCITY"-TRAJNOJ

**Konciza historio de TEE (Trans Eŭrop Express = Trans Eŭropaj Ekspres-trajnoj).**

- 25a de marto 1957: la traktato de Romo difinas ekonomikan unuiĝon de 6 eŭropaj ŝtatoj, nome: Francio, Belgio, Luksemburgo, Nederlando, Federacia Germanio kaj Italio.
- 2a de junio 1957: la unuaj TEE-trajnoj ekinterligas la ĉefajn urbojn de tiu Komuna Merkato.
- 1a de januaro 1987: la Eŭropa Komunumo grupigas 12 ŝtatojn: al la 6 jam nomitaj aldoniĝas Britio, Irlando, Danlando, Greklando, Hispanio kaj Portugalio.
- 30a de majo 1987: la laste veturantaj TEE internaciaj kaj enlandaj alveturas siajn respektivajn parkejojn.
- 31a de majo 1987: TEE estas anstataŭitaj per "Euro City"-trajnoj ĉe 28 tag-noktaj fervojlinioj.

Tiel tridekjara fervoja historio en Eŭropo finiĝis. Dum tiu periodo evoluis la mensostatoj kaj la vojaĝokutimoj. La aviadilaro trudanstataŭis la fervojan trafikon ĉe multnombraj vojaĝorilatoj. Pliiĝis la komforto en la trajnoj kaj ĝi ne plu estas rezervata por la "supera klaso". Tiam la veturilklasoj konsistigis internaciajn trajnojn. La plej modernaj pasaĝer-veturiloj estas klimatizataj, ofte okupitaj por trans-eŭropaj veturadoj sub aŭspicioj de la Unuiĝo Internacia de Fervojoj (U.I.C.).

**Origino kaj evoluo de TEE.**

Fakte ekde decembro 1953a s-ro Den Holländer, prezidanto de la Nederlandaj Fervojoj, proponis la organizadon de fervoja komunikigo inter grandaj eŭropaj urboj pere de rapidaj trajnoj prezentantaj bonaspekton kaj alte taksindan servon. Tiu propono estis akceptita, kaj konsekvence la pasaĝer-veturiloj de la unuaj TEE-trajnoj estis prezentataj ĉe la Eŭropa Konferenco de la Ministroj por Transportoj, la 17an de majo 1957 en Parizo. Post interkonsento de la ministroj ekveturis TEE-trajnoj, la 2an de junio.

Ĉiu TEE-trajno ricevis apartan nomon laŭ ĝia lini-veturado: Paris-Ruhr (Paris-Dortmund), Mont-Cenis (Lyon-Milano), Ile de France (Paris-Amsterdam), Ligure (Marseille-Milano) ktp.

Post la enservigo de la tuta veturilaro germana (la plej ellaborita el ĉiuj tiam uzitaj) la nombro de TEE-interrilatoj pliiĝis de 10 al 13 ekde la vintra periodo 1957/58. La sukceso de tiuj trajnoj malsamaj al aliaj estis tuja dum epoko, kiam la aviadila transportado tiam ne estis atinginta sian plenan teknikan efikecon kaj kreis maloportunaĵojn (notinde direktoŝanĝojn pro atmosferaj perturboj). Tiam la fervojadministracioj progrese ampleksigis la TEE-reton por adaptado al la teknika evoluo kaj per profito de la ĝenerala elektrizado. Tiel okazis ekcirkulado de la famaj kvarkurentaj trajnoj CFF inter Paris kaj Milano (Cisalpin), kaj inter Milano kaj Zürich (Gottardo) dum somero 1961a.

**Apogeo kaj konvertado de TEE-trajnoj.**

En Francio la fama "Mistral" estis la unua enlanda trajno, kiu iĝis TEE en 1965. Poste SNCF amplekse profitis tiun kvalitecon - kun konsento de la TEE-komisiono -, kiun ĝi adaptis al multaj aliaj fervojlinioj inter 1970 kaj 1980. Ekzemple: Capitole, Etendard, Aquitaine, Kléber, Stanislas, Jules Verne ktp. Aliaj landoj, inter kiuj FR Germanio kaj Italio, same agis koncerne iliajn plej valorajn trajnojn (Setebello aŭ Blauer Enzian). Samtempe la TEE-reto pligrandiĝis laŭ trajnonombro kaj veturdistancoj. La trajnokonsistoj diversiĝis. Tia estis "Merkur", veturinta inter Stuttgart kaj Kopen-

hago (1205 km). Ĝi estis la nura TEE veturinta ĝis Skandinavio de 1974 ĝis 1978. Ankaŭ tiaj estis "Rheingold" kaj "Rheinpfeil", kiuj estis kompleksaj trajnoj.

Siaflanke Hispanio - kiu okulumis al naskiĝinta Eŭropo - enservigis sian propran TEE dank'al TALGO-materialo kun radaksoj ŝpur-variigeblaj (hispana ŝpuro = 1,668 m; normala interlanda ŝpuro = 1,435 m). Tiam naskiĝis "Catalan Talgo" inter Barcelono kaj Genevo dum la somero 1969a.

La apogeo de TEE situas dum la vintro 1974/1975a. Tiam funkciis 45 TEE sur internaciaj kaj enlandaj linioj. La unua eksterservigita TEE estis "Rheinpfeil" en 1972. Post la jaro 1980 ne nur neniu TEE estis kreata, sed la tiamaj TEE iom post iom malaperis, cedante la pasaĝertrafikon al nova trajnokategorio: la "Intercity" (interurbaj trajnoj) ekde tiam akceptantaj duaklasajn pasaĝerojn. Tiu vera konvertado de TEE al INTERCITY estis neevitebla: la fervojlinioj pli kaj pli devis alfronti la konkurencon aviadilan sur la pliparto de la transportoj, kaj ankaŭ tiun de la aŭtomobila transporto.

La akcepto de la duaklasa pasaĝeraro en la plej konkurantaj trajnoj estis do la plej logika respondo al tiu faktostato, des pli ke de tiam la statistikoj demonstris la pravecon de la iniciato.

Malgraŭ ĉi tiuj realigoj evidentiĝis, ke prikvalita propono prezentanta komunajn ecojn (komforto, rapideco ktp) devis transformi la eŭropan fervojan transportadon. Tio kondukis al la difino de trajnoj "EURO CITY", kiuj nun anstataŭas la TRANS EUROP EXPRESS-trajnoj, ekde la 31a de majo 1987. Nuraj enlandaj TEE "Jules Verne", "Gayant", "Faidherbe" kaj "Kléber" funkcios dum ia tempo. Aliparte SNCF pripensas novan organizon de la linio Paris-Strasbourg ĝis Stuttgart dum la vintro 1988/1989a. Dum la konsisto de "Kléber" ne ŝanĝiĝos. La trajnoj "Gayant" kaj "Faidherbe" daŭre veturos kun la marko TEE ĝis la ĝenerala revizio de tiu materialo, post du aŭ tri jaroj.

La TEE-trajnoj estas kadukaj. Certe iuj amatoroj bedaŭros ilin, sed la fervojo estis devigata adapti siajn transportproponojn al nunepokaj bezonoj.

Tiu decido estis komuna. Espereble ĝi kontentigos daŭre la uzantojn!

(Laŭ la franca revuo "La Vie du Rail")

## NOVA EKSPRESTRAJNO EN BULGARIO

Raportas Angel Ivanov Mâglov, fervojisto en Gorna Orjahovica, 42000 loĝantojn granda urbo en norda Bulgario.

De la nova fervoja trafiko ekde la 31a de majo 1987 inter Sofio kaj Varna tra norda Bulgario moviĝas nova eksprestrajno. Nomiĝas "Varna ekspreso" laŭ la nomo de la bela nigramara urbo Varna.

La distanco inter Sofio kaj Varna estas 543 kilometroj, kiujn la trajno trapasas en 6 horoj 58 minutoj. De Sofio ĝi ekveturos je la 16a horo en Varna alvenas je la 22,58 horo.

Tiu distanco por la unua fojo trapasiĝas en tiom da tempo dank' al la duobligo kaj elektrizado de la fervojlinio. La maksimuma rapideco de la eksprestrajno sur apartaj regionoj estas 130 kilometrojn hore. La trajno haltas nur ĉe 5 stacidomoj - Mezdra, Pleven, Gorna Orjahovica, Târgoviŝte kaj Ŝumen.

Per tiu trajno la eksprestrajnoj en Bulgario jam estas 9: Oni trafikas ĝis Varna (2), Burgas (2), Plovdiv (1), Ruse (1), Gorna Orjahovica (1), Iambol (1), Mouĉilgrad (1).

## PORTUGALA MONUMENTO PRI ESPERANTO INSTIGITA DE FERVOJISTO



En aprilo 1987 oni inaŭguris la unuan en Portugalio monumenton omaĝe al Zamenhof kaj Esperanto en **Barreiro** apud Lisbono. Ĝin iniciatis s-ro João Caeiro de Sousa, emerita fervojisto kaj IFEF-membro (vidu artikolon pri liaj kosmaj interesoj en IF 5/1985 pĝ 71-72).

La monumento havas triangulan formon kaj altas ses metrojn. La tri edroj reprezentas respektive la sanskritan, grekan kaj latinan lingvogrupojn, sur kiuj fundamentas Esperanto laŭ la priskribo en loka ĵurnalo.

La skulptisto diris ĉe la inaŭguro i.a: "Elpreninte porcion el la prismo, mi provis simboli tion, kion d-ro Zamenhof elprenis por konstrui Esperanton, tiel kreinte novan formon, kie ankoraŭ estas notinda la afineco de ĉi tiu formo al la prismo, sed jam posedanta proprajn karakteristikojn kaj stilon, eĉ konkeranta sian spacon sen ekkonflikti kontraŭ la plej granda formo."

## CENTJARO DE ESPERANTO EN BOLOGNA

La 24an kaj 25an de oktobro la Bologna esperantistaro festis la Centjaron de Esperanto kaj la 75an datrevenon de la fondiĝo de la Bologna Esperanto-Grupo "Achille Tellini". La manifestacio titolita: "Tre quarti di secolo dell'Esperanto a Bologna" (Tri centjar-kvaronoj de Esperanto en Bologna) okazis en la "Casa dell'Angelo" sidejo de la kvartalo Sankta Stefano.

Sabate posttagmeze malfermo de la dokumenta ekspozicio pri la historio de la Grupo kun la elmontro de ĉiuj poŝtmarkoj kaj poŝtstampoj de Esperanto inter kiuj tiuj de ĉiuj IFEF-kongresoj.

Vespere koncerto fare de la koruso "Il Casalone" de Dopolavoro Ferroviario de Bologne, direktita de la Majstro Marcello Zuffa, de la flutistino Lucia Pappalardo, de pianistino Maria Francesca Ferrari kaj de la kant-aŭtorino esperantista Patrizia Troncossi akompanata de Roberto Marsigli.

Dimanĉe la 25an de oktobro okazis la oficiala ceremonio kun la ĉeesto de d-roj Luigi Tadolini, Umberto Broccatelli, Marcello Caselli kaj Germano Gimelli, membroj de la LKK de la 40a Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazis en Bologna en la jaro 1955, Ora Jubileo de la 1a UK en Boulogne sur Mer de la jaro 1905.

Dum la ceremonio, krom la disdonado de la diplomoj al la kursanoj kiuj sukcesis en la Esperanto-ekzamenoj de la kursoj ĉe DLF de Bologna, oni varme festis nian karan Giulio Catena, iama kasisto de IFEA, tre konata inter la IFEF-anoj, kiu ricevis arĝentan ŝildon okaze de lia 90a naskiĝ-datreveno.

## NIAJ JARKUNVENOJ

**Pollando**

Dum la tagoj 17a-18a de oktobro 1987 okazis en Jaszowiec (elp: Jaŝovjec) la 4a Tutlanda Kongreso de Polaj Fervojistoj-Esperantistoj.

La estraro raportis pri sia agado, kaj sekvis vigla debato kun ĝenerale pozitiva pritakso de la farita laboro. Oni esprimis dankon kaj rekonon al ĉiuj LKK-anoj de la 39a IFEF-kongreso.

Nova, landa estraro estis elektita per sekreta balotado, kaj ĝi konsistas el jenaj personoj:

Prezidanto ..... Franciszek Kotulski
Vicprezidanto .. Henryka Borkowska Szmatloch
Vicprezidanto .. Ryszard Prałat
Sekretario ..... Maria Fedorowicz
Estrarano ...... Janusz Fortuński
Estrarano ...... Wiesław Skoczylas

La estrara sidejo estos ĉe Slaska DOKP, ul.Rozdzienskiego 1, PL-40-202 Katowice.

La nova prezidanto deklaris persiste labori por daŭra disvolviĝo de la fervojista sekcio kaj ne ŝpari penojn por perfekte plenumi la taskojn.

Dum la dutaga renkontiĝo estis tempo ankaŭ por distriĝoj, i a balo kaj ekskurso.

(El raporto sendita de s-ro Ryszard Pralat, sekretario de la eksa estraro).

## FERVOJISTA JARKUNVENO EN LA GERMANA DEMOKRATA RESPUBLIKO

La 6an ĝis la 8a de novembro 1987 okazis jarkunveno en la urbo Netzschauk (Netŝkaŭ) en Saksio. Partoprenis ĉirkaŭ 30 gekolegoj kaj dekduo da eksterlandanoj el CS, H kaj PL. La multvaria programo enhavis interesajn erojn. Prezidanto A.Meinel substrekis en sia parolado, ke la faksekcio de la fervojistoj ekzistas 10 jarojn, kaj ke ĝis nun aperis 26 numeroj de la organo "Fervojistaj Novaĵoj" kun entute 332 paĝoj. La raporto montris, ke la fervojista sekcio dum tiu tempo iris sukcesan vojon kaj disvolviĝas al celtrafe aganta asocio.

La ankaŭ ĉeestanta prezidanto de IFEF, J.Giessner, esprimis sian kontenton povi konatiĝi kun la membroj kaj funkciuloj de la sekcio, traktis metodojn de kunlaboro kaj la problemojn trovi adeptojn por nia movado. En aparta prelegeto li informis pri kelkaj historiaj faktoj de la fervojista movado kaj ĝiaj kontribuoj al la Esperanto-kulturo.

Tre informriĉa estis aro da koncizaj referaĵetoj kun diapozitivoj pri la temo "fervojaj pontoj", kiujn prezentis kolegoj el diversaj landoj. Ne mirige, ke oni elektis ĝuste tiun temon, ĉar la plej impona tutŝtona kvaretaĝa ponto troviĝas proksime de la kunvenloko. Ekskurseto donis okazon, viziti tiun pontegon trans la valon de rivero Göltzsch (Geltŝ), kiu estas 574 m longa kaj 78 m alta. Trans ĝin kondukas la dutraka linio Dresden/Leipzig - Plauen (Vogtland). Ĝi preskaŭ komplete konsistas el multaj milionoj da brikoj. Dua ekskurso ebligis vidi similan pontegon de la sama tipo kaj de la sama linio proksima al Plauen trans la riveron Elster.

La tuta kunveno estis bone planita kaj preparita. Restis sufiĉe da tempo por amike babili kaj trakti tiun kaj tiun problemon.

JG

## JUBILEA EKSPOZICIO

En la nomo de Centra Estraro de Bulgara Esperantista Asocio la 17an de decembro 1987 en la granda halo de Centra Fervojstacio Sofia oni solene malfermis ekspozicion "Esperanto en la filatelio kaj filokartio", dediĉita al la Centjara Jubileo de Esperanto. Partoprenis estraranoj de BEA, ĝenerala sekretario de Filatelista Asocio, prezidanto de Numismatika Asocio, multaj esperantistoj kaj gastoj. La ekspozicio daŭris dek tagojn. Ĝin vidis kelkdekmiloj da personoj kaj en la kajeron por impresoj skribis dekoj da vizitantoj. En la tagaj horoj konstante estis deĵorantoj, kiuj donis informojn pri Esperanto, disdonis propagandajn flugfoliojn.

La ekspozicion aranĝis Georgi Litov, prezidanto de Fervojista Sekcio de BEA, konata en la lando kolektanto. (Lian interesan ekspozicion ĝuis la kongresanoj de 34a IFEF-kongreso en 1984 en Slanĉev Brjag). La ekspozicio havis kvin sekciojn: "Portretoj de L.L.Zamenhof sur bildkartoj", "La urboj de Universalaj Esperanto-Kongresoj", Esperantaj poŝtmarkoj, poŝtkartoj kaj poŝtkovertoj. Unuatagaj poŝtstampoj", "Ilustritaj kartoj kun esperantaj surskriboj", "Esperantaj glumarkoj kaj propagandaj kartoj".

La ideon pri tiu ekspozicio la organizinto havis antaŭ tri jaroj. Li anoncis en la esperantaj gazetoj, skribis centojn da leteroj kaj rezulte - eksponaĵoj el pli ol 30 landoj. Laŭ pritakso de fakuloj ĝi estas tre lerte aranĝita kaj forte impresas. Pri la ekspozicio skribis detale kun foto la transportista semajna gazeto "Transporten Glas".

Indas mencii, ke la halo estis disponita senpage de la ĝenerala direktoro de BDĴ kaj viĉministro s-ro Ferdov. Valore kontribuis la ĉefestro de Sofia Centra Fervojstacio s-ro Bojkin kaj la ĝenerala sekretario de Filatelista Asocio s-ro Nikolĉev.

Kr.Karucin




## EL NIAJ LANDAJ ASOCIOJ

**IFEA (Italio)**

Kiel kutime, en Bologna komenciĝis Esperanto-kursoj en novembro, kaj kiel kutime oni anoncis tion per frapaj afiŝoj en la urbo. La afiŝoj i.a. reklamas partoprenon de 29a IF-ES, Spitzingsee (FRG), 40a IFEF-kongreso, Perpignan (F), 73a UK, Rotterdam (NL) kaj 59a Itala kongreso, Benevento (26.8.-2.9.88).

---

**FFEA (Francio)**

En la urbeto l'Arbresle 30 km nord-okcidente de Lyon okazis la aŭtuna jarkunvena aranĝo de FFEA dum la tagoj 24a-28a de septembro 1987.

Oni elektis prezidanto s-ron Pierre Robiolle por anstataŭi la forpasintan Gérard Horn.

La jarkunveno disvolviĝis glate kaj bonorde, sed kompreneble en la ombro de la forpaso de Gérard Horn.

Oni esploras la eblecon okazigi la venontan jarkunvenon septembre 1988 en **Bagnoles de l'Orne.**

---

## CSEH-METODO EN KATOWICE

Polino Maria Czekańska montris al interesuloj instruadon de Esperanto per Cseh-metodo. Ŝia instruado estas tre interesa, perfekta kaj viva. Dum la instruado ŝi rakontas ŝercemajn rakontetojn, kaj la lernantoj kune kun ŝi kantas kantetojn.

Ŝi vere bonege propagandas nian lingvon. Ŝi laboras kiel psikologo en fervoja polikliniko, kaj ŝia profesio helpas al ŝi ankaŭ en la instruado.

## JARKUNVENO DE FS ĈEA

Komence de oktobro jam tradicie jarkunvenas Fervojista Sekcio de Ĉeĥa E-Asocio. La 21a jarkonferenco okazis la 2an ĝis 4a de oktobro 1987 en slovakia urbo Poprad, kaj krom la ĉeĥaj kaj slovakaj fervojistaj esperantistoj partoprenis invititaj gastoj kaj delegatoj el Aŭstrio, Bulgario, Jugoslavio, GDR, Hungario kaj Pollando.

Vendrede posttagmeze ni unue komune vizitis la fervojan stacion Poprad-Vysoké Tatry, kie ni sub ĉiĉeronado de la staciestro inĝ. Stanko Ladislav (ankaŭ esperantisto) interkonatiĝis kun la nova stacidomo, konstruita en la unua etapo de rekonstruado de la fervoja stacio Poprad-Vysoké Tatry. Rekonstruado de la tuta stacio okazas en ses etapoj. Ties unua etapo - konstruado de la nova moderna stacidomo - estas jam preta kaj kostis 180 milionojn da kronoj.

Vespere post komuna vespermanĝo okazis la labora parto de la jarkonferenco. Krom la jam menciitaj eksterlandaj gastoj partoprenis kiel gastoj ankaŭ la nova prezidanto de ĈEA inĝ. Petr Chrdle, kaj inĝ. Milan Zvara kiel reprezentanto de Slovaka E-Asocio. Post inaŭguro inĝ. Chrdle tralegis leteron de IFEF-prezidanto Joachim Giessner, kiu ne povis alveturi por ĉeesti persone. Poste prezidanto de la sekcio František Struminský raportis pri la tutjara agado de la sekcio. La membraro kreskis nur iomete. Oni okazigis krom alio sukcesan aprilan amuzvesperon en Praha, grupe partoprenis la ĉijaran IFEF-kongreson en Katowice, iuj membroj partoprenis diversajn renkontiĝojn enlande kaj en najbaraj socialismaj landoj, precipe en GDR, Hungario kaj Pollando. La laboro de la terminara komisiono ne progresis tiomgrade, kiom oni planis. Oni decidis pliaktivigi la laboron de TK krom alia per akcepto de du novaj, fake spertaj kunlaborantoj. Pliboniĝis la laboro de la informa komisiono.

Sabate okazis ekskurso al montaro Altaj Tatroj. Post vendreda vespera pluvo kaj enmontara neĝado invitis nin belega aŭtuna mateno kun sunradioj, strebantaj degeligi la falintan neĝon en la montaro. Post komuna veturo al Poprad al Štrbské Pleso per elektra trajno de Tatramontara Elektra Fervojo, pri kies pli ol sepdekjara historio kaj nuntempo ni estis informitaj per ricevitaj materialoj, ni en Štrbské Pleso dividiĝis en tri grupojn laŭ fizika kapablo de la partoprenantoj. Tiuj la plej kapablaj (kune ses- kaj sepjara filinoj de unu el la partoprenantoj) marŝis el Štrbské Pleso laŭ Tatramontara Magistralo al Popradské Pleso, de kie post manĝado kaj refreŝigo ni grimpis sur monton Ostrva kaj de tie plu al Batizovské Pleso kaj Slezský dům (La Silezia Domo) al Starý Smokovec, de kie ni daŭrigis la vojon per elektra trajno reen al Poprad. Ankaŭ la aliaj du grupoj estis kontentaj per tuttaga ekskurso tra la montaro, ĝissate spirante la freŝan montaran aeron kaj interkonatiĝante kun belega tatramontara naturo.

Post komuna vespermanĝo en stacidoma restoracio oni ĝis malfruaj vesperaj horoj amuzis sin en la sidejo de Slovakia E-Asocio.

La jarkonferencan programon daŭrigis dimanĉe antaŭtagmezo komuna promeno tra la historia parto de Poprad, precipe tra urba parto Spišská Sobota, en 1954 proklamita kiel urba rezervejo. Historie valoraj tie estas fasadoj de pluraj historiaj urbaj domoj kun stukornamaĵoj. Sed la plej valora en tiu ĉi urboparto estas preĝejo de sankta Juraj kaj en ĝi troviĝantaj malfrugotikaj flankaltaroj kiel apud preĝejo situanta renesanca sonorilturo el jaro 1598.

Sed Poprad, tio estas ne nur historiaj konstruaĵoj, Poprad kun siaj preskaŭ kvindek mil loĝantoj estas la tria laŭ grandeco urbo en Orientslovaka regiono. Dank' al sia bela situo inter montetoj kaj bona trafika kunligo (fervoja kaj aŭtobusa stacioj, aviadejo) ĉi tien alvenas multaj gastoj por poste ferii aŭ almenaŭ viziti montaron Altaj Tatroj, orientan parton de Malaltaj Tatroj aŭ Zamagurie.

En la urbo estas mencienda maŝinfabrika kaj nutraĵa industrioj. Al la plej gravaj entreprenoj apartenas Vagonejo, kie oni fabrikas

fervojajn varvagonojn, kaj Tatramat, la entrepreno konata pro fabrikado de aŭtomataj lavmaŝinoj kaj elektraj akvovarmigiloj. Por la kreskanta loĝantaro oni konstruis kaj konstruas novajn modernajn loĝkvartalojn. La urbo nuntempe evoluas en karakterize modernan socialisman urbon.

Kontentaj kaj kun multaj rememoroj pri belaj travivaĵoj en amika rondo kaj en belega tatramontara naturo forveturadis partoprenantoj dimanĉe posttagmeze kaj vespere al siaj hejmoj, al sia pena ĉiutaga laboro, dankante al slovakaj gastigantoj pro la bone preparita renkontiĝo.

Jindřich Tomíšek



Unu el la grupoj post iomete pena grimpado sur monton Ostrva.

## ESPERANTO - LA VOJO

Post longa traktado de ges-roj Harvey el Stevenston, Ayrshire, ekzistas strato nomita **ESPERANTO ROAD.**

La okazo estis tre impona, ĉar ĝi estas la unua Esperantostrato en Skotlando kaj signis la Jubilean Jaron de Esperanto. La inaŭgura ceremonio okazis la 9an de majo 1987 ĉe Prestwick pere de s-ino H.Wyvil, vickonsilanto de la Distrikta konsilantaro de Kyle kaj Carrick (Kajl kaj Karik).

S-ro W.Auld, famekonata Esperanta poeto kaj aŭtoro, dankis al s-ino Wyvill kaj la konsilantaro pro la reciproka honoro de la ceremonio, kiu okazis apud la internacia aerhaveno kaj en la lando de la internacia poeto Robert Burns.




\- - -

Eble interesus la legantojn de IF, ke la ideo de la afero venis de la edzino de emerita fervojisto, kiu ĉeestis stratnomigajn okazaĵojn, unue ĉe Calella, Hispanio, post la Tarragona IFEF-kongreso, due inter germanaj geamikoj ĉe Schwelm, FRGermanio.

## "EUROCITY" INTER VIENO KAJ BUDAPEŜTO

Hungaraj Ŝtatfervojoj MÁV aliĝos al la "EuroCity"-trajnsistemo ekde la somera horaro 1988.

La ekspresstrajnparo Lehar (340/341), kiu forveturas de Vieno matene (7h45) kaj de Budapeŝto vespere (18h 20), funkcios kiel "EuroCity".

(El "Die Schöne Welt")

## ĜUSTIGO

La artikolo de Petr Chrdle en IF 6/1987 paĝoj 89-91 portas la titolon AŬTOMATIGO DE RANĜODEKLIVOJ EN CSD-RETO.

Ni bedaŭras, ke en parto de la ekzempleroj de la koncerna IF povas aspekti, kvazaŭ starus *aŭtomatiĝo*.. Presteknika eraro.

La redakcio cetere ĝojas kaj fieras pro tia altnivela artikolo, kaj invitas niajn diversfakulojn-membrojn verki por IF pri sia fako. Ne longajn, sed riĉenhavajn, informajn artikoletojn.

## NEKROLOGOJ

Tiam, kiam nenio povis tion antaŭvidi, **Gérard Horn**, la juna kaj simpatia prezidanto de Franca Fervojista Esperanto Asocio (FFEA) subite forpasis la 21an de septembro 1987.

En 1961, tiam nur dek kvar jaraĝa, li lernis la lingvon internacian, elpensitan de D-ro ZAMENHOF, kaj rapide li fariĝis entuziasma propagandisto. Tuj post sia dungo ĉe SNCF li aliĝis al FFEA.

En la kadro de la kongresoj organizitaj de IFEF, kiuj kunigas fervojistojn el dudek eŭropaj landoj, li aktive partoprenis en la junulara grupo, kies prezidanto li estis elektita en 1973. Kun siaj eksterlandaj kolegoj, precipe tiuj de FRGermanio, Aŭstrio, Hispanio, Italio, Svislando kaj Jugoslavio, li partoprenis en la organizo de la skisemajnoj, en kies kadro Esperanto, kiu forigas la lingvajn barojn, ebligas trovi tie feliĉon kaj ĝojon.

En la sino de la franca asocio liaj humanecaj kvalitoj, la amikaj ligiloj de li noditaj kun multaj samideanoj, trovis rekompencon per lia elekto kiel estrarano de FFEA, de kiu li fariĝis prezidanto en 1984.

En tiu posteno morto frapis lin post laborkunsido dediĉita al la lastaj aranĝoj rilantantaj la ĝeneralan kunvenon malfermotan la 25an de septembro en l'Arbresle apud Lyon.

Ve! Tiun vendredon ĉe la 10a multaj geamikoj kolektiĝis en la tombejo de Pré Saint Gervais en la pariza ĉirkaŭaĵo, por lastfoje omaĝi al Gérard HORN, la tagon mem de la ĝenerala kunveno, kiun li mem devus prezidi.

En tiu bela mateno de la unuaj tagoj aŭtunaj, la florkronoj kaj florgarboj amasiĝis sur la ĉerko kaj sur la najbaraj tomboj. Pluraj centoj da personoj venis por subskribi la kondolencajn kajerojn. Inter ili impona delegacio de UAICF gvidata de sia prezidanto, s-ro TRUEL, la asocioj de la filatelistoj, de la verkistoj (CLEC), de la radio-amatoroj, de la muzikistoj, la reprezentanto de la SNCF entreprena komitato, s-ro WALLERAND, ankaŭ diversaj kulturaj asocioj kuniĝis kun multnombraj esperantistoj de FFEA, UFE, SAT. La laborkolegoj de Gérard HORN, gvidataj de sia estro venis multnombraj.

Fine ĉiuj el la esperantista movado aŭ ne, kiuj lastfoje venis por saluti sian amikon tiel subite forprenita el ilia amikeco, kaj por alporti al Jill, lia edzino, al liaj gepatroj, al lia fratino kaj al la tuta ploranta familio, konsolon kaj kuraĝigon.

Sekvi la ekzemplon de la mortinta amiko, daŭrigi ties laboron, multobligi la amikajn renkontiĝojn inter fervojistoj de Eŭropo kaj de la tuta mondo, tiaj estas la rezolucioj, kiujn la nova estraro de FFEA ekdecidis, aktive preparante la 40an internacian kongreson de IFEF, kiu okazos en junio 1988 en Perpignan (Francio), kaj por kiu jam s-ro ROBIOLLE, la nova prezidanto de FFEA, laboris dum la lastaj monatoj kune kun Gérard HORN.

Adiaŭ Gérard! Ripozu en Paco!

FFEA/IFEF

## PAUL NEERGAARD 1907-1987

La 13an de novembro mortis en Kopenhago profesoro d-ro Paul Neergaard, 80 jarojn aĝa.

Hortikultura kandidato, licenciato, specialisto pri plantpatologio, ĝardenkultura zoologio kaj genetiko, sekciestro ĉe Stata Plantpatologia Servo, fondis la Danan Instituton de Sempatologio por Evolulandoj .... Paul Neergaard opiniis, ke havante sanajn semojn oni malpli bezonas ŝpruce veneni la naturon.

Tiu humaneca kaj humanisma konvinko igis lin labori ankaŭ por Esperanto kaj ĉe sia morto li estis membro de la Honora Patrona Komitato de UEA, vicprezidanto de Akademio de Esperanto, prezidanto por Internacia Scienca Akademio Comenius. Li estis kunredaktoro de PIV kaj multaj - kaj gravaj - estas liaj verkoj ankaŭ en Esperanto.

(Laŭ "DEFA-bulteno")

## LA GIGANTO MORTIS

*Ivo Lapenna 5.11.1909 - 15.12.1987.*

Denaska jugoslavo li startis sian esperantistan karieron en la studenta klubo de Zagrebo. Post la milito li transloĝiĝis al Londono, kie li agadis sur pluraj terenoj. Internacia juro, precipe orienteŭropa, estis lia fako, sed ni kompreneble konas lin specife kiel esperantiston kaj aganton en tiu sfero.

Priskribi liajn meritojn estas malebla tasko, ĉar Ivo Lapenna estis homo neordinara. Li estis gvidanto kaj por multaj estis malfacile sekvi liajn pensojn kaj ideojn. Sed samtempe li estis brilega oratoro, kiu kapablis alparoli publikon tiel, ke eĉ lingvaj komencantoj imagis al si, ke ili regas la lingvon. Lia kapablo konvinki - eĉ kontraŭulojn - estis eminenta. Pensu nur pri la Rezolucipropono ĉe UNESKO en Montevideo en 1954, kiam li sukcesis en la fina plenkunsido dum la malmultaj minutoj, kiujn oni donis al li, ŝanĝi la ĝenerale negativan aŭ indiferentan sintenon ĉe la deputitoj al akcepto de la fama rezolucio, kiu agnoskas la kulturajn valorojn de Esperanto, kaj kiu malfermis la vojon al kunlaboro inter UEA kaj UNESKO.

Kiel ĝenerala sekretario kaj poste prezidanto de UEA Lapenna direktis per supera intelekta multflankeco kaj erudicio, kaj per preskaŭ neelĉerpeblaj fizikaj fortoj kaj laborkapablo la esperantomovadon, kaj poste li daŭre arigis ĉirkaŭ si pledantojn i.a. por la pure Zamenhofa lingvo.

La inaŭguro de la monumento en Graz (Aŭstrio) en la Jubilea Jaro de Esperanto montriĝis krono de lia vivolonga laboro por Esperanto.

Ni ne priparolis lian verkan laboron, kiu ankaŭ estis eminenta, kaj multajn aliajn ecojn kaj aĵojn.

(Laŭ DEFA-bulteno).

La 1an de septembro 1987 nia multjara membro **Sten Gustafsson**, Hallsberg, Svedio, lasis nian rondon en sia 80a jaro.

Ĉiam havante bonajn ideojn li tre fervore kaj aktive agadis por informi pri Esperanto inter la fervojistaj gekolegoj. Eĉ en sia maljuneco, en la jaro 1981, li elsendis al ĉiuj (96) novdungitaj fervojistoj en Hallsberg, varbleterojn. Li ankaŭ aranĝis jarkunvenojn de SEFA kaj Sveda Esperanto Federacio kaj tiam invitante ankaŭ ĵurnalistojn de diversaj ĵurnaloj en sia regiono.

Inter la jaroj 1966 kaj 1982 li estis prezidanto por la Esperantosocieto de Hallsberg.

Kondolencon al la familio. Li ripozu en paco.

SEFA/IFEF

La 19an de aŭgusto 1987 mortis en Bologna, 75jaraĝa, instruisto **Idilio Chicca.** En 1952 li fariĝis esperantisto kaj membro de la Bologna Esperanto Grupo "Achille Tellini" kie li aktivis, ĝis la fino, ankaŭ en la estraro; fakte li estis membro de la Loka Kongresa Komitato de la 40a Universala Kongreso de Esperanto okazinta en Bologna en 1955.

Kvankam ne fervojisto li estis membro de Itala Fervojista Esperanto-Asocio ekde multaj jaroj. Li gvidis multajn Esperanto-kursojn ankaŭ ĉe Dopolavoro Ferroviario.

IFEA kaj IFEF

Kolego **Renato Ferrero** forlasis nin la 23an de novembro 1987, 66jaraĝa. Li deĵoris en la sekretariejo de la Departementa Direktoro de Venezio kaj dum multaj jaroj agis en IFEA, ĉe DLF kaj en la regiona sekcio de AEC.

Dankon, Renato, kaj ripozu en paco.

Serio Boschin, IFEA

Emerita fervojisto s-ro **Jack Clark** el York, Britio, mortis la 13an de oktobro 1987. Li iam estis lokomotivestro kaj poste iĝis inspektoro. Dum multaj jaroj li estis ano de BAEF, kaj li helpis en la organizado de la 29a IFEF-kongreso en Swanwick, 1977.

Post la emeritiĝo li malsaniĝis kaj ne povis ĉeesti kongresojn.

Frank Curtis.

## OTTO WALDER †

La 11an de januaro 1988 mortis **Otto Walder**, Svisio. Honora membro de IFEF depost 1975. Nekrologo en la venonta numero de IF.



*· KULTURDOMO DE FRANCLANDAJ ESPERANTISTOJ*
Kastelo Grésillon - 49150 Baugé - Francujo

**Studemaj kaj agrablaj ferioj.**

Jen la 1988a programo de la Kultura Esperanto-Domo en Grésillon:

1 - Internacia renkontiĝo de Infanoj 3.- 9.aprilo
2 - Internacia amika renkonto 14.-30.junio
3 - Cseh-seminario "A" - prelegoj kaj kursoj 2.-16.junio
4 - Lernu kaj praktiku: preparo al Atesto pri Kapableco 16.-30.julio
5 - Ĉu verki Valane? Gvidos C.Piron 30.jul-6.aug
6 - Somera lernado - preparo al Atesto pri Kapableco 6.-27.aŭgusto

En ĉiu periodo estos proponata komuna programo kun diversnivelaj kursoj, konversacio, promenadoj, ekskursoj, distraj vesperoj. La titolo indikas la ĉefan pritraktotan temon.

Por restado daŭra pli ol unu semajno la prezoj varias de 160 FRF (unupersona dormoĉambro) ĝis 110 FRF (tendumado) por unu persono (1 tranokto kaj 3 manĝoj).

Petu detalan prospekton ĉe: Esperanto-Domo Grésillon, F-49150 BAUGE.

## 100 JAROJ DE ESPERANTO-LITERATURO

Ekspozicio en Linz (Aŭstrio)

Dum 5 semajnoj fine de la jaro 1987 okazis en Linz, Aŭstrio, en la urba muzeo **Nordico** (elp. **Nor**diko) granda ekspozicio pri Esperanto, precipe pri ties literaturo.

Gratulon al AFEF, kiu grave helpis pri la aranĝo.

## ENHAVO



Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos en marto, estas 10.2.1988.

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved.